2.ª Ep. AÑO VIII N.º 46 (182) NOVIEMBRE - DICIEMBRE 1970




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# ALICANTE KONGRESURBO POR 1971

Vidaĵo de Alicante

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Generala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Monsendoj:
Kasisto:
S-ro Raimundo Ibáñez Crespo
Str. Princesa, 78, 2.º
MADRID-8

Ĉekkonto: N.º 24.692/10,
Banco Ibérico
Avda. José Antonio, 18
MADRID-14

Sendajojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.º, 1.ª
BARCELONA-14

Libroservo kaj Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Banco Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



## de Secretaría

"En virtud de cumplimiento de acuerdo de la Junta General Ordinaria de la Federación Española de Esperanto, celebrada en Mieres el pasado mes de julio, se ruega a todos los interesados —profesores, autores, etc.— envíen a la Secretaría de la Federación, informes sobre gramáticas y cursos de Esperanto, tanto publicados como inéditos, que estimen de utilidad para la enseñanza de dicha lengua.

Se encarece que el envío de tales informes se haga antes del día 28 de febrero del próximo año.

La finalidad de este llamamiento, no es otra que la búsqueda de los manuales más recomendables, para su divulgación a escala nacional y la posible edición en su día de alguno de los inéditos, previo dictamen de la comisión que se nombre a tal efecto."

Madrid, 14 de noviembre de 1970.
El Secretario,
*Manuel Figuerola Palomo*

DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD
(F.A.L.P.)

| | | |
|---|---|---|
| *Saldo anterior* ... | 31.000 | ptas. |
| Salvador Oliván Hernando | 1.000 | " |
| José García Sampedro ... | 500 | " |
| Emilio Crespo Cano ....... | 500 | " |
| Gerardo Flores Martín ... | 2.000 | " |
| Centro de Esperanto Sabadell ........................ | 2.000 | " |
| Amalia Núnez Dubús ...... | 500 | " |
| Geedzoj Figuerola ............ | 500 | " |
| Tomás Alberdi Arteche...... | 500 | " |
| Vicente Pérez Torres........ | 500 | " |
| *Total*............ | 39.000 | " |

Madrid, 14 de noviembre de 1970.
*Manuel Figuerola Palomo*
Secretario de la Federación

Con arreglo al artículo 24 de la vigente Ley de Prensa e Imprenta, ponemos en conocimiento de nuestros lectores que los señores que constituyen los órganos rectores de la revista, Boletín de la Federación Española de Esperanto, son los siguientes:

Director: *D. Domingo Martínez Benavente*
Redacción: *D.ª Inés Gastón Burillo*

La revista está financiada por la Federación Española de Esperanto, cuyas cuentas fueron presentadas a su debido tiempo, por la entonces Tesorera de la misma, doña María Pilar Gómez Hernández, y publicadas en el número de la revista correspondiente a los meses de enero-febrero del corriente año.



# PLI RIĈA BIBLIOTEKO



Rafael Fiol Paredes



Carlos Martínez Fernández

De nun la biblioteko de la Hispana Esperanto-Federacio estas multe pli riĉa dank' al la malavaro de du respektindaj pioniroj loĝantaj en Sevilla, sinjoroj Rafael Fiol Paredes kaj Carlos Martínez Fernández.

Publike kaj danke ni kvitancas al ili la ricevon de preskaŭ 300 libroj en Esperanto eldonitaj pliparte inter la jaroj 1904 kaj 1912.

Se la historia valoro de tiuj verkoj, grandparte jam malaperintaj el la libromerkato, estas granda, pli granda ankoraŭ estas la danko, kiun HEF ŝuldas al sinjoroj Fiol kaj Martínez pro ilia decido fari tiel gravan kontribuon al nia biblioteko.

Iliaj libroj servos ankoraŭ plu al la interesoj de Esperanto, ĉar ilin povos legi, konsulti kaj studi ĉiuj seriozaj HEF-anoj. En venonta eldono de nia bulteno aperos kompleta kaj detala listo de la verkoj donacitaj de niaj du pioniroj.

S-ro Rafael Fiol Paredes, armea kuracisto, naskiĝis en 1891 en Ceuta kaj jam de la jaro 1910 aktivas en la Esperanta movado per gvidado de kursoj kaj redakto de artikoloj en revuoj kaj gazetoj landaj kaj eksterlandaj. Kaj jam de multaj jaroj li estas Delegito de U.E.A. en Sevilla.

S-ro Carlos Martínez Fernández esperantistiĝis en 1911, organizis interalie la VII Kongreson okazintan en Sevilla, en 1928, kaj ĉiam aktivis kaj propagandis senĉese. Dank' al lia entuziasmo, grupeto de urbaj policanoj lernis Esperanton kaj portis sur la brako rubandon kun la verda insigno.

Al la du alt-estimataj pioniroj, kies sindediĉon kaj malavaron por Esperanto ni ĉiam memoros, HEF deziras ankoraŭ multajn jarojn da feliĉa kaj prospera vivo.



# Nokto Novjara

Stanka Penĉeva

Jen la arbo ĉe mia fenestro sin ŝanĝis
en tiu ĉi nokt' estas alno novjara:
al ĝi steloj arĝentajn ornamojn aranĝis
kaj la luno ekrajdis la supron branĉaran.

Sur la vojo briletas du-strio glacia
kaj vidante ĝin morgaŭ ĝojkrios knabeto:
"Signo jen de cerva glitveturil' ĉi tie!
Ĉu vi aŭdis noktmeze sonoran tinteton?"

Aŭdis mi. Dum ĉi nokt' mi kapablas eĉ aŭdi:
en arbaro la neĝon de branĉoj falantan,
de la ruĝaj vulpinoj la varman spiradon
kaj glacian torenton en bord' sin puŝantan.

Aŭdas mi ankaŭ ĝermon de semoj en grundo,
hundbojon en foraj loĝlokoj kampulaj
kaj ĉevalan spiregon ĉe fojno abunda,
sur fraŭlina fenestro frapeton junulan...

La sonoro kaj voĉo ĉi-nokte ne mortas,
sed forflugas simile al kanto aŭ trilo:
en turbinoj sin ĵetas la akvo kun forto,
bolas fer' kaj naskiĝas per kri' ies filo...

Ĝisaŭrore mi viglos aŭdante ĉi-foje
la sonoron sur blanka ŝoseo sen brua...
Miaj neĝokovrita teren' kaj festĝojo!
Ke la nokto finiĝu!

Tag' venas unua.

El bulgara: Canko Murgin

## XXXI CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

Durante el pasado Congreso se acordó celebrar el 31 Congreso Español de Esperanto en Alicante, del 19 al 24 de julio de 1971, habiendo sido solicitado para esta fecha, el oportuno permiso.

Correspondamos con nuestra presencia a la invitación hecha por nuestros amigos de tan bella ciudad levantina.

## NOTAS DE LA PRESIDENCIA

"Dada la curiosidad manifestada por algunos de los señores socios de la Federación, de conocer la naturaleza de la aportación hecha por la Junta Directiva, para iniciar el Fondo para la adquisición de un local en propiedad, para el establecimiento en Madrid de una Secretaría Central de la Federación, se pone en conocimiento de todos los interesados, que dicha aportación se constituyó con donativos voluntarios de todos los directivos y de ninguna manera con fondos de la caja de la Federación.

Así mismo, se recuerda a todos los socios que la Federación necesita una crítica constructiva, pero sobre la base de secundar al propio tiempo la iniciativa del mando con la colaboración moral, personal y material, si se desea realmente que la Federación realice una labor positiva."

Madrid, 30 de septiembre de 1970.
El Presidente,
*Angel Figuerola Auque*

---

"A fin de establecer en la Federación un servicio de traducciones de Español a Esperanto y de Esperanto a Español, se ruega a cuantas personas se consideren aptas para esta función y dispongan de alguna hora libre para dedicar a esta finalidad, lo comuniquen a Secretaría."

El Presidente,
*Angel Figuerola Auque*

---

## ACUERDO DE LA JUNTA DIRECTIVA

*"Por acuerdo de la Junta Directiva de la Federación, se publica la amable carta del Ilmo. Sr. D. Luis Illueca, Director del Centro de Orientación de Universidades Laborales (Rector de la Universidad Laboral de Cheste)."*

*Es copia literal*

Centro de Orientación
de Universidades Laborales

Director

29 de septiembre de 1970.

Sr. D. Manuel Figuerola Palomo
Secretario de la Federación
Española de Esperanto
Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Muy Sr. mío:

Quiero hacerle llegar a Vd. y a la Federación Española de Esperanto nuestro agradecimiento por las atenciones que con nosotros tienen.

Nuestro Centro ha sido creado para promocionar a muchachos españoles, hacia un mundo de convivencia lo cual nos hace estar abiertos a los intereses de un idioma común. Le ruego transmita a esa Sociedad y a todos sus miembros nuestro reconocimiento.

Quedo de Vd. atentamente,

Fdo.: *Luis Illueca*

# LA 23-a KONGREO DE I. F. E. F.

Kiam ankoraŭ resonas la eĥoj de la 22-a I.F.E.F.-kongreso okazinta en Rimini, jam alvenas la unuaj informoj pri la 23-a; ĝi okazos de la 15-a ĝis la 21-a de Majo en Maribor (Jugoslavio).

La kongersurbo situas ĉe la rivero Drava apud la aŭstra limo. Ĝi havas ĉirkaŭ 100.000 loĝantojn kaj posedas belan katedralon de la XII.ª jarcento kaj antikvan kastelon de la XV.ª. La urbo apartenas al Jugoslavio de post 1920.

La prezo de tiu grava kaj alloga kongreso estas:

ALIĜKOTIZOJ. — Ĝis la 31-a de Januaro 100 dinaroj = 560 pesetoj.
" " 30-a de Aprilo 125 " = 700 "

Familianoj, pensiuloj kaj junuloj ĝis 20-jara aĝo, pagas la duonon.

LOĜADO. — Ekzistas hoteloj de diversaj kategorioj, moteloj, studentaj kaj privataj domoj. La prezo varias de 15 ĝis 65 dinaroj; (de 85 ĝis 365 pesetoj).

Por la ĉambroperado oni devas aldoni 3 dinarojn (17 pesetoj).

MANĜOJ. — En la proksimeco de la kongresejo estas restoracioj kie oni povas manĝi por 6 ĝis 15 dinaroj; (35 ĝis 85 pesetoj).

EKSKURSOJ. — Duontaga ekskurso al POHORJE .. 10 dinaroj = 56 pesetoj.
Duontaga ekskurso al PTUJ ......... 12 dinaroj = 67 pesetoj.
Tuttaga ekskurso al POSTOJNA . 50 dinaroj = 280 pesetoj.

POSTKONGRESO. — La Postkongreso okazos en OPATIJA, marborda urbo apud RIJEKA, de la 22-a ĝis la 24-a de Majo. Tuttaga pensiono kostas 56 dinarojn = 315 pesetoj.

Por informoj direktiĝu al S-ro. Rafael Devis. Str. Sicilia, 264, Escalera 2, 3.º C. BARCELONA-13.

Por informoj direktiĝu al S-ro. Enrique Pérez Estévez, Plaza Arteijo, 4, 4.º, 4.ª MADRID-20.

Ĉiujare plialtiĝas la nombro de hispanaj partoprenantoj a la I.F.E.F.-kongresoj. Ni esperas ke ankaŭ ĉijare la nombro superos la partoprenintojn en Rimini pasintjare kaj ĉiuj certe revenos kun deziro labori por ESPERANTO.

# INSTRUADO DE ESPERANTO INTER LA FERVOJISTOJ

Kiel en pasintaj jaroj, ankaŭ ĉijare la fervojista sekcio organizis kursojn de ESPERANTO inter la fervojistaro.

En Madrido ĝi estas instruata de S-ro. Miró kiu jam de ses jaroj gvidas kurson en la sidejo de "Asociación de empleados de ferrocarriles" situanta en la strato Atocha, n.º 83, ĉiujn lundojn, merkredojn kaj vendredojn de la 19-a h. ĝis la 21-a h.

En Barcelono la instruado de ESPERANTO inter la fervojistoj fariĝas per koresponda kurso; ĝin partoprenas la fervojistoj kiuj ne povas viziti la kursojn instruatajn en la diversaj centroj de Barcelono. Pli ol cent lernantoj partoprenas kaj vigle lernas per tiu ĉi koresponda kurso kuraĝe gvidata de S-ro. Devis. Ni esperas ke tiu kurso estu fruktodona post kelkaj monatoj kiam multaj el la lernantoj finos la kurson. Nia celo estas esperantistigi kiel eble plej multe da fervojistoj en Hispanujo. La tempo diros al ni ĉu ni sukcesis aŭ ne en nia tasko.

# PROPAGANDO DE ESPERANTO EN R.E.N.F.E.

Laŭ decido de la komitato dum la pasinta kongreso en Rimini, oni presigis oficialajn IFEF-afiŝojn por propagandi la esperantan movadon de la fervojista federacio inter la 20 landaj asocioj.

Post represado de propra slogano en nacia lingvo, ni disdonis ilin al ĉiuj stacioj, oficejoj, riparejoj kaj diversaj fakoj de RENFE por propagandi la INTERNACIAN FERVOJISTAN ESPERANTISTAN FEDERACION kaj samtempe Esperanton.

Oni esperas atingi plenan sukceson per tiu metodo inter la hispana fervojistaro. Tio eltiros ilin al nia Sekcio por lerni Esperanton kaj tiel plialtiĝos la nombro de nia membraro.

H.E.F.A.-estraro

## OMAĜO AL Sro. LUIS DE OTAOLA

En Bilbao, la 31an de oktobro, en salono de la Ŝparkaso de Vizkaja, okazis bela festo, por omaĝi nian karan samideanon kaj amikoj Sron. Luis de Otaola el Bilbao, pro lia senĉesa laborado dum 50 jaroj en "Organización de Trabajos Portuarios", Sekcio de Vizkaja.

Sro. Otaola estas de ĉiuj konata pro sia simpatio, kaj entuziasmo por Esperanto. Li estis dum multaj jaroj Prezidanto de la "Grupo Esperantista de Bilbao", kaj ankoraŭ li estas estrarano de Hispana Esperanto-Federacio.

Ni kore gratulas al amiko Otaola pro la meritita omaĝo.

# GRAVA ANTAŬENPUŜO POR ESPERANTO, EN HISPANUJO

De la 1-a de oktobro, "La Voz de Levante", per kiu "Micrófono Esperantista" de la Valencia Grupo de Esperanto —de pli ol dudek jaroj— elsendas ĉiusemajnajn programojn, havos pli fortan povon, kaj, kompreneble, pli ampleksan aŭdeblecon. Ĝi estis kaptita en Lérida, norde; en Madrid kaj Zaragoza, okcidente; en Murcia, sude. Do preskaŭ la duono de Hispanujo povos aŭdi ĝin.

Tio signifas ke tiu plifortigo de "Micrófono Esperantista" fariĝas plej efika, pro la multenombreco de la aŭskultantaro.

Ni petas al ĉiuj kiuj kaptos niajn programojn, ke ili bonvolu informi tuj al: "Micrófono Esperantista" de "La Voz de Levante", Colón, 11, VALENCIA-4.

Via informilo taŭgos, ankaŭ, por pravigi tiujn kiuj strebas por konsciigi la estrojn de la elsendejo pri la efiko de la radiodisvastigo favore al Esperanto.

Do, aŭskultu, kaj, se eble, skribu!

R. HERRERO

# TRAFA PROPAGANDO

En la medicina gazeto "NOTICIAS MEDICAS", kiun ricevas ĉiuj hispanaj kuracistoj, aperis interesa artikolo titolita: "Sobre el Don de Lenguas", en kiu, la aŭtoro bedaŭris ne esti lingvokapabla, ĉar la praktikado de la nuntempa Medicino postulas de ĉiu kuracisto, la konon de pluraj idiomoj.

Dro. R. Herrero kaptis la okazon por propagandi kaj klarigi pri Esperanto. Li verkis respondon, kiun publikigis tiu gazeto; tiel, ĉiuj hispanaj kuracistoj estis informitaj pri la solvo de la lingva problemo pere de Esperanto.

Sekve, kelkaj kuracistoj enketis kaj demandis pri la plej taŭga metodo por lerni la lingvon, kaj Dro. Herrero informis la demandintojn, ankaŭ pere de la gazeto. Do, plia disvastigo de Esperanto kaj de ĝiaj atingaĵoj.

---

**Post la aperado de tiuj artikoloj kaj postaj informoj, kelkaj kuracistoj kaj helpkuracistoj el diversaj punktoj de Hispanujo skribis aŭ vizitis nian Libroservon por aĉeti Lernolibrojn de Esperanto.**

**Koran gratulon al Dro. Herrero pro lia trafa laboro.**

Nova Konkurso, sub titolo "POLAJ PRODUKTOJ EN LA MONDO" estas anoncata de la Pola Radio kaj Pola Ĉambro por la Eksterlanda Komerco.

La ĉefaj premioj: 10-taga ekskurso tra Pollando —kun senpaga ambaŭflanka vojaĝo—. Objektaj premioj kaj multaj memordonacoj.

La konkurso konsistas en tio, ke oni devas respondi jenajn demandojn:

1. — Kiuj polaj artikloj estas vendataj en via lando kaj kiel vi taksas ilin?

2. — Kiuj produktoj de la pola industrio, laŭ via opinio, ĝuus sukceson en via lando?

3. — En kiu urbo en Pollando okazas la ĉiujara internacia komerca foiro kaj kion vi scias pri tiu ĉi foiro?

Respondo al ĉiuj demandoj donas la eblon gajni unu el la ĉefaj premioj.

Respondo almenaŭ al unu demando rajtigas partopreni la lotadon de la objektaj premioj kaj memordonacoj.

Aŭskultante la disaŭdigojn de la Pola Radio vi akiros informojn pri multaj problemoj, kiuj povas interesi vin, vi akiros donitaĵojn, kiuj helpos al vi respondi je la supraj demandoj. La respondojn oni devas sendi je la adreso: POLA RADIO, Varsovio, P. O. Box 46, Pollando, en kovertoj signitaj per la devizo: "Konkurso", ĝis la 31-a de decembro 1970 j. —decidas la dato de la poŝta stampo—.

La rezultoj de la konkurso estos anoncitaj de la Pola Radio la 31-an de januaro en la 1971 j.

La ekskurso de la laŭreatoj de la ĉefpremioj okazos en periodo indikota de la Pola Radio.

---

SONBENDAMIKOJ ESPERANTAJ

KONKURSO - *Sonbendo de la Jaro, 1971*

*REGULOJ*

1. La konkurson rajtas partopreni ĉiu Esperantisto. Estas tri klasoj de aliĝo: *Komencanta, Mezgrada, Altgrada.*
2. Ĉiu kontribuaĵo devas esti sur bobeno de diametro de 9cm, je rapideco de 9.5cm, duona aŭ kvarona traka; kaj devas atingi Sinjoron W. Hall, 17 The Lawns, Hinckey, Leicester, Britujo, kune kun la aliĝilo, ĝis la 31-a de Januaro, 1971.
3. La programo devas esti ne malpli ol 3 minuta kaj ne pli ol 5 1/2 minuta.
4. La tempo dediĉita al nura muziko aŭ aliaj sonoj ne devas superi 95 sekundojn. La restaĵo de la programo devas esti parolata aŭ kantata en Esperanto.
5. Poentojn oni donos laŭ jena sistemo:

| | |
|---|---|
| a) Klareco de elparolado aŭ kantado | 25 |
| b) Gramatiko | 20 |
| c) Prezentado | 20 |
| d) Teknika kvalito de la registrado | 15 |
| e) Originaleco | 20 |
| Entute: | 100 |

6. Afranko devas esti pagita de la konkursanto, kiu devas ankaŭ pagi (per poŝtmarko aŭ respondkuponoj) la resendkoston, se li/ŝi volas rericevi la kontribuon.
7. SONBENDAMIKOJ ESPERANTAJ postulas la rajton kopiigi iun bendon kaj utiligi ĝin en sia Sonbendoteko.

*Sonbendo de la Jaro - 1971* *Aliĝilo*

Al S-ro W. Hall, 17 The Lawns, Hinckley, Leicester, Britujo.

Sendu kun via bendo ĝis la 31-a de Januaro, 1971.

Nomo: PRESLITERE (S-ro, S-ino, F-ino) ..........................................

Adreso: ..........................................................................

..........................................................................

Kiomlonge vi lernas Esperanton? ........... jarojn ........... monatojn ...........

Kategorio de aliĝo: (Forstreku du) KOMENCANTA MEZGRADA ALTGRADA.

Mi konsentas je la reguloj kaj je la decido de la juĝistoj.

Mi konsentas, ke Sonbendamikoj Esperantaj rajtas utiligi mian bendon en la Sonbendoteko.

Subskribo ..........................................................

# ESPERANTO-HEJMO




En etaĝo de bela kaj moderna konstruaĵo, kontraŭ la haveno de Valencia, troviĝas Esperanto-hejmo de nia entuziasma samideano J. Fernando Soler.

Dum la nokto nia Verda stelo, lumigita, brilas antaŭ unu el la balkonoj.

S-ro J. Fernando Soler proponas siajn kamparan dometon kaj urban hejmon al la geesperantistoj de la tuta mondo:

Pliajn informojn vi ricevos ĉe S-ro Soler, Av. José Antonio, n.º 58, VALENCIA-5.

ESPERANTA DOMETO INTER ORANGARBOJ EN VALENCIA KAMPARO

# SANKTA TERESA DE JESUS, DOKTORINO DE LA EKLEZIO

*"Mi ne konis nek vidis Monaĥinon Teresa de Jesús dum ŝi estis sur la tero; sed nun, kiam ŝi vivas en la ĉielo mi konas kaj vidas ŝin preskaŭ ĉiam en la vivaj bildoj de ŝiaj libroj."*

Fray Luis de León

En Hispanujo, superega horo de la raso. Niaj eminentuloj en la XVI.ª jarcento multiĝis dense kvazaŭ silvo. Tiel ili unuiĝis ke ne estis facile distingi la ĉielon, kiun ili eklipsis per sia grandeco. Impulsitaj de superhoma forto ili atingis ĉian pinton: tiujn de la arto, la filozofio, la teologio; tiujn de la spirito kaj la materio kune.

La hispana socio stimulis la homojn por ke ili kontaktiĝu kun Dio, superegu sian egoismon... Ili agis kaj sin donis en sia tuteco: la Eklezio, la Ŝtato, la Universitato, la moroj, la beletroj.

Ili sin sentis fratoj pro la konvinko pri la Dia patreco, pri la komuna historia misio kaj pri la komuna respondeco en ĉiu fakto: la grandega ĉiutaga ebleco sin savi aŭ damniĝi; la superega avido vivi aŭ morti por la plej granda gloro de Dio.

Teresa de Jesús naskiĝis en tiu jarcento; "vivante" intense la spiritan pretecon de sia tempo, ŝi estis kvazaŭ fajro de sankteco je sia virina sentemo. Virino de forta volo, ŝi atingis la pinton de forteco tra vojoj subtile diecaj, delikate homaj. Ŝi diris pri si mem: "Estas evidente, ke Dio donis al mi multe pli da vireco ol da virineco".

Por tiuj, kiuj ne sciis kompreni ŝian idealan grandecon, Teresa estis "delikate ineca, maltrankvila kaj delokiĝema". Dum dudek jaroj ŝi fondis tridek monaĥejojn, dekses por monaĥinoj kaj dekkvar por monaĥoj. Kia blindeco tiu de la homoj kiuj ne konas la spiritajn valorojn!

Sed ŝi montris per faktoj ke ŝia malkvieteco estas dieca. "Neniam mi rezignis fondadon pro timo al laboro, kvankam la longaj vojoj forte afliktis min; sed ekpaŝinte, mi opiniis tion negrava, ĉar mi iris servi tiun, por kiu mi penadis kaj ĉar mi konsideris ke en tiu domo oni laŭdos la Sinjoron, kaj estos la Sankta Sakramento."

Ŝi —multfoje malsana— trakuris la kampojn de Kastiljo, la teron de Hispanujo, por efektivigi la Reformon de la Karmela ordeno; kun doloroso en sia delikata karno pro la gigantaj entreprenoj, kiujn ŝi solvis per spirita grandeco, ŝi flugadis spirite tiel alte, ke influate de tio, ŝi skribas: "ŝajnas do, ke ni estis iel neligitaj al tiu ĉi korpo". Vivo de amo al Dio, fariĝinta superega realaĵo por servi, adori kaj komplezi Lin; ŝi diris: "Sinjoro, aŭ morti aŭ suferi", kaj forgesante sin mem, ŝi aldonis: "tian forton havas la amo se ĝi estas perfekta; ke ni forgesu nian kontentecon, por rigardadi la amatojn".

Dum sia vivo ŝi deziregis kaj esperis: "mi ja mortas ĉar mi ne mortas". Kiel vivi ne admirante la kreitaron, kaj ne kulti tiun spiron per kiu Dio donis al ni vivon? Teresa estis tiel sankta kaj virina ke: "mankis al mi tempo —ŝi men diris— ĉar mi vivis en marliĉa hejmo kaj bezonis ŝpinadi por manĝi"; kaj ŝi estis tiel ineca ke antaŭ sia portreto pentrita de fray Juan de la Miseria, ŝerce diris: "Dio vin pardonu, frato, ĉar teninte min tiel longe kvieta, vi faris min malbela". Belega ŝi estis, delikate perfekta en sia pureco, kaj en sia privilegia intelekto.

La nomata "mistika" literaturo sin kronis per ŝiaj verkoj. La beletristiko sentis ŝian influon kiel la katolikismo sentis la influon de ŝia reformo redonanta ĝian primitivan grandecon al la Karmela ordeno. Interna reformo de la Roma Eklezio. Sub tiu influo la spirito, kiu ŝin animas estas profunda kaj posedas subtilajn kaj diafanajn nuancojn, kiuj ĝis atingas la plej profundan radikon de la kristaneco: nuancoj de sankta virineco. Do, ĉar la virino, depost la kreado, impulsas fari malbonon aŭ bonon, ŝi povas esti amo kontraŭ la malamado; kompatemo kaj tenereco, kontraŭ la malfeliĉo; balzamo, kiel patrinaj kisoj kontraŭ koleraj mensoj; lumo vidiganta Dion; delikataj manoj kiuj kuracas spiritajn vundojn...

*Carmen Tomás Cuesta*

Trad. I. G.

---

## PARALELE

*Ambaŭ verkoj vidigas la suferon pro izoleco, plej grandan suferon de malliberulo. En la unua, vera juvelo de Hispana Romancaro, la suferanto mem; ĝia fino estas angora veo de tiu, kiu perdis ununuran esperon; jen la tragika "hispana animo".*

*La dua, apartenanta al la Fundamenta Krestomatio —nun nekonata de la plej multaj Esperantistoj— estas kanto de frata amo, de konsoliganta koro.*

*La leganto komparu kaj vidos kiel, ankoraŭ unufoje plu, Esperanto atestas al ni ke la homo estas sama, sentas same, suferas same, parolas same, malgraŭ la raso, la klimato, la lando kaj la lingvo.*

**A. N. D.**

### LA MALLIBERULO
**(Hispana romanco)**

Estis ja dum maj', dum majo,
kiam komenciĝas varm',
kiam kantas allaŭdeto
kaj respondas najtingal',
kiam serĉi l' amatinon
iras la enamiĝant';
krom mi, kiu mallibera,
kuŝas en malluma kav'
kaj ne scias ĉu la nokto
regas, ĉu regas la tag'
nur se ĝin anoncas birdo
per ektagiĝanta kant'
ĝin arbalestist' mortigis
Pagu lin Di' per fipag'!

Tradukis
*Amalia Núnez Dubús*

### LA MALLIBERULO
**(Litva popola kanto)**

Ho, en la verda, verda arbaro
estas malluma malliberejo,
kaj en ĉi tiu malliberejo
oni enŝlosis junan frateton.
Tie li povas neniam scii,
ĉu venis vintro aŭ la printempo,
neniam vidi la brilan sunon,
nek leviĝantan nek subirantan.
Mi metus oran ringon al muro,
eble mi farus tie fenestron,
eble mi farus tie fenestron,
por ke la frato ekvidu sunon.

Mi metus pecon da blanka neĝo,
por ke li sciu la frostan vintron;
mi metus freŝajn florojn al muro
por lin sciigi pri la somero.

*A. Dombrowski*

# ZAMENHOF MONTRAS ANKORAŬ LA VOJON

Zamenhof diris iam tre gravajn vortojn: *lingvo absolute logika kaj sen idiotismoj estas lingvo senviva kaj tre peza.*

Kun sia eksterordinara sagaco kaj lingva instinkto la kreinto de Esperanto baldaŭ komprenis, ke lingvo internacia devus posedi la saman naturan bazon de la naciaj lingvoj, t. e. rigidan armaturon gramatikan sed envolvitan en plasta kaj duktila materialo.

Zamenhof mem, kiu aplikis genian solvon al la problemo de la gramatiko, sin donis al la tasko rekovri la duran skeleton de la logiko per la mola karno, la suko kaj la sango de la idiotismoj.

La dek ses reguloj de la Fundamento estas monumento de brila logiko, kvazaŭ konciza formulo algebra. Sed ilin Zamenhof vivigis kaj irigis per la konstanta kreo de trafaj esprimoj, parolturnoj kaj dirmanieroj. Jam de la unua momento, Zamenhof strebis nuanci kaj elastigi la ĵus naskitajn vortojn kaj precipe starigi rilatojn inter ili por iom post iom, formi la vivoriĉan kanvason de la lingvo. Se Zamenhof evidentigis sian genion per la starigo de la Fundamento, lia posta, fekunda tasko verkista konfirmis lian geniecon, ĉar liaj libroj originalaj kaj tradukitaj, lia prozo kaj lia poezio estis kiel korpo por la spirito de la dek ses fundamentaj reguloj.

Kiel kulmino de liaj streboj por la vivantigo de la lingvo staras lia mirinda *Proverbaro Esperanta,* kie nia lingvo akiras definitivan gradon de matureco, kaj kie la multjarcenta saĝo de la popolo esprimiĝas en proverboj, kiuj, en Esperanta vesto, pompas tiel brile kaj elvokive kiel la originalaj.

La vortaroj naciaj-Esperantaj apenaŭ tuŝas ĉi tiun gravegan aspekton de nia lingvo, sendube ĉar la manko de vasta merkato neebligas la eldonon de vortaroj vere plenaj kaj sekve tro multekostaj.

Tamen estas nedubeble, ke la lerno de nuraj listoj de Esperantaj vortoj ne sufiĉas por niaj lingvaj bezonoj. Ni devas lerni ankaŭ la tradukon de la ideoj, kiuj esprimiĝas per kombino de pluraj vortoj, kaj la kliŝojn, kiuj formas la nervon kaj la esencon de la lingvoj, do ankaŭ de Esperanto. Ĝis pli prosperaj tempoj ebligos al niaj kompetentaj vortaristoj la eldonon de leksikonoj ampleksantaj ne nur la vorton izolan, sed la vorton kiel parton de idiotisma komplekso, ni devos pacience kaj metode rasti el la verkoj de niaj bonaj aŭtoroj, ĉefe el Zamenhof, ĉiujn troveblajn ekvivalentojn de hispanaj kliŝoj. Alia neelĉerpebla trezoro ĉi-rilate estas la Plena Ilustrita Vortaro, kies frazeologio eble kovras la pli grandan parton de la responda frazeologio hispana. Sen bona scio de tiaj parolturnoj, ni ĉiam restos eternaj komencantoj aŭ, pleje, *pasivaj* esperantistoj kapablaj nek paroli nek skribi akceptindan Esperanton.

Kontraŭ la bildoriĉaj esprimoj naciaj, kiujn ni konstante uzas, ni volas ne palajn, senanimajn redonojn, sed Esperantajn ekvivalentojn tiel sukajn kaj esprimivajn kiel la originalaj. Kiel, por ekzemplo:

| | |
|---|---|
| *pelar al cero* | tondi ĝishaŭte |
| *aterrizaje forzoso* | panea alteriĝo |
| *por si acaso* | ĉiaokaze |
| *a falta de pan buenas son tortas* | se forestas la suno, sufiĉas la luno |
| *vivir más de la cuenta* | postvivi sin mem |
| *vivir al día* | vivi laŭtage |
| *de un plumazo* | per unu plumostreko |
| *a rienda suelta* | spron-urĝe |
| *estar sobre ascuas* | sidi sur pingloj |
| *salir como un rayo* | forpafi sin |
| *lo mismo, pero al revés* | la sama afero, sed kun la kapo al tero |
| *chupatintas* | plumo-knaristo |
| *darse la gran vida* | vivi larĝe kaj lukse |
| *pasarse de la raya* | transiri la limon |
| *dar por sentado* | akcepti kiel fakton |
| *estar fuera de si* | esti ekster si |

| | |
|---|---|
| *más feo que Picio* | pli malbela ol furunko |
| *intereses creados* | establitaj interesoj |
| *el no va más* | la neplio |
| *ir al minuto (reloj)* | iri laŭ la minuto |
| *atar corto a alguien* | butoni iun malvaste |
| *ponerse de uñas* | hirtiĝi (kontraŭ) |
| *la mala hierba nunca muere* | urtikon frosto ne mortigas |
| *ser uno un erizo* | esti (iu) urtiko |
| *carne de gallina* | ansera haŭto |
| *dar en hueso* | mordi graniton |
| *estar en mantillas* | esti en la vindoj |
| *cuento verde* | pipra rakonto |
| *le viene de perillas* | ĝi estas akvo al lia muelilo |
| *poner manos a la obra* | meti manon al la laboro |
| *morirse de risa* | ridegi ĝis larmoj |
| *dar la lata* | litanii |
| *tomarse demasiadas confianzas* | fariĝi tro libera |
| *agarrarse a un clavo ardiendo* | alkroĉi sin al pajlero |
| *caer en desgracia* | trafi en malfavoron |
| *no dar en el clavo* | ne trafi la ĝustan klavon |
| *a ojo de buen cubero* | okulmezure |
| *ir de mal en peor* | fali de sitelo en barelon |
| *operación de limpieza* | rast-operacio |
| *a lo que salga* | trafe-maltrafe |
| *cambiar un cheque* | monerigi ĉekon |
| *dar importancia a todo* | gravigi ĉian bagatelon |
| *no dar importancia a nada* | bagateligi ĉion gravan |
| *poner cara larga* | fari longan nazon |
| *arrinconar* | enpremi en angulon |
| *donde fueres, haz lo que vieres* | inter lupoj, kriu lupe |
| *con el rabillo del ojo* | okulangule |

La listo povus fariĝi senfina; ĝi estu nur montro, ke Esperanto, kiel la naciaj lingvoj, havas pretan stokon da parolturnoj, kiun ni devas iom post iom lerni kaj uzi, se ni volas esprimi nin bele, nature kaj oportune, ĉar, laŭ la vortoj de Zamenhof neniam sufiĉe ripetataj, *lingvo sen idiotismoj estas lingvo senviva.*

F. de Diego

---

### DONATIVOS PARA BOLETIN - 1970

| | | |
|---|---|---|
| *Suma anterior ...* | 4.071 | ptas. |
| Fernando Costa (Portugal). | 32 | " |
| A. Ribeiro da Cruz (Portugal) ........................... | 32 | " |
| Juan Collado (Barcelona) . | 50 | " |
| Florentino Fuentes (Cofrentes) ........................ | 100 | " |
| *Total* .................. | 4.285 | " |

### ANONCETO

*Interŝanĝoj*

D-ro Antonio De Salvo, Via Olbia, 15, I-00182, Roma, Italujo, aĉetas aŭ interŝanĝas ĉiuspecajn esperantaĵojn (revuojn, librojn, prospektojn, ktp) kaj speciale interesiĝas pri esperantaj filatelaĵoj (poŝtmarkoj kaj poŝtstampoj).

## ĜOJAN KRISTNASKON KAJ FELIĈAN NOVAN JARON



# LUDWIG VAN BEETHOVEN

La 17-an de decembro plenumiĝas la ducentjara datreveno de la naskiĝo de mondkonata granda muzikisto: Ludwig van Beethoven.

En la klasikeco, dum superregis la malkovro de la ordo en la kosmo, la homo restas marĝene; per Beethoven la homo ekmalkovras sin, emerĝas el la kosmo kaj intencas ĝin konkeri; tiel stariĝis kvazaŭ akso de la arto.

Beethoven estis ja superdotita, lia apero en la muzika mondo signas novan formon por kompreni la estetikon. Surbaze de klasika preparo, li tuj altrudas sian tutan personecon, sian denaskan sentemon kaj la noveco de lia tekniko karakterizas lian verkon.

La vivo de la artisto estas de ĉiuj konata. La nefavoraj cirkonstancoj de lia vivo: malfeliĉa infaneco, sentimentalaj fiaskoj, fizikaj limigoj stimulis lin por sin superi. En liaj verkoj kontraste aperas la furiozeco aŭ la melankolio kun la sereneco de tiu, kiu ĉion superis.

La "Kvarteto op. 137" resumas lian vivon kaj la homajn eblecojn, ĝi estas violenta elmontro kontraŭ la kosmo kaj la sorto, kaj, fine, submetiĝo en la manoj de la Kreinto; ĝi estas kvazaŭ sublima preĝo. Abunda estas la literaturo kiu intencis deĉifri la kernon de tiu verko.

Beethoven vivas post cent kvardek tri jaroj post sia morto, sed bedaŭrinde ne laŭ la grandeco de sia mesaĝo. La intelekta mallaboremo ĉefe en la latinaj landoj estas vera obstaklo. Oni timas mediti en la verko de la geniulo; estas pli simpla la elglitiĝo kiu kunportas nin al la rutino aŭ al la ekstravaganco.

I. G.

---

## BIBLIOTECA

Como decimos en el artículo en que se da cuenta del donativo recibido para la Biblioteca, en el próximo número de BOLETIN se publicará la relación de los libros recibidos de Sevilla, y a continuación, la relación de los libros que se han ido coleccionando desde enero de 1964, en que se acordó crear la Biblioteca, sobre la base de los libros que se reciben para recensión en BOLETIN.

Como he dicho siempre, la Biblioteca hasta ahora ha sido muy modesta en cuanto a número de ejemplares, habiéndolos de verdadero interés. En los dos aspectos, ahora se ha visto notablemente enriquecida; por tanto, en el momento en que los libros recibidos queden debidamente registrados en el fichero, se anunciará en BOLETIN, así como también se anunciarán las condiciones en que hayan de ser solicitados los libros que se deseen leer o consultar.

Desde el primer momento, al crear la Biblioteca, fue nuestra intención que esta estuviera al servicio de los miembros de la Federación; servicio no convertido en realidad hasta ahora por ser muy poco lo que podíamos ofrecer, máxime siendo todos los libros modernos y por tanto difíciles de adquirir. El donativo enviado por los señores Fiol y Martínez ha posibilitado el funcionamiento normal de toda Biblioteca, cumpliendo de este modo el deseo expreso de los donantes, de que los libros puedan ser leídos por el mayor número posible de esperantistas.

INES GASTON

# IGNACIO ZULOAGA

Ĉijare, en kiu tiom da centjaraj datrevenoj oni festis, ni ne povas forgesi la hispanan faman pentriston Ignacio Zuloaga, naskiĝinta en Eibar (Guipúzcoa) en la jaro 1870.

La granda disvolviĝo de la vaska skolo estas novaĵo en la fino de la XIX-a jarcento. Vireca forto, kolorismo intensa kelkfoje iomete akra, kaj ekspresionismaj nuancoj karakterizas ĝin. La koloso de tiu skolo estas Ignacio Zuloaga, unu el la hispanaj pentristoj pli konataj eksterlande, kaj kiun akompanis seninterrompaj sukcesoj kaj laŭdoj. El liaj penikoj eliris —ĉiam kun sufiĉa dozo de literaturo— vizio troigita kaj grandioza de la Nigra Hispanujo de Regoyos, ĉefa premiso por entuziasmigi transe de la landlimoj: kasteloj, montoj kaj dezertoj, mizeraj vilaĝaĉoj estas la konstanta fono de liaj imagaĵoj. Ĉi tiuj, kun rezignacia aspekto, karikatura kaj kritika, tiu de Hispanujo enprofundigita en sia legendo: malsaĝuletoj, sorĉistinoj, rajdopikistoj kaj toreadoroj, "manolas" (senĝenaj junulinoj) kun mantiloj...



La Kardinalo

Kaj, ĉiam pli intensa la fono ol la plej proksima plano. Kun Zuloaga revenas la hispana pentrarto al klasika signo, jam de longe forgesita: la Baroko. Zuloaga-n, oni povas konsideri la plej grava reprezentanto de la vaska moderna skolo, kaj sendube li estis unu el la plej elstaraj pentristoj de la tiel nomata Generacio de la 98-a, kaj de la hispana ekspresionismo. Multe li vojaĝadis kaj longe loĝis en Paris, sed ĉiam restis fidela al la hispana tipismo. Al liaj tragikaj pejzaĵoj de amasiĝintaj nuboj, al la sekaj kampoj de Kastiljo kaj al la premsonĝaj figuroj, ni devas aldoni la trafajn portretojn de intelektuloj de tiu epoko.



Grafino de Noailles

La vivo de Ignacio Zuloaga estis en multaj punktoj simila al tiu de Goya, eĉ ili ambaŭ estis profesiaj toreadoroj; Goya dum pli da tempo, sed li ne estis tiel konata kiel Zuloaga, pri kiu ankoraŭ oni konservas afiŝojn anoncantajn lin —kiel ĉefan toreadoron—, per lia propra nomo kaj aldonantajn la kromnomon "La Pentristo".

Zuloaga kiel pentristo estas konata en la tuta mondo, kaj rilate al la taŭroludoj li ĉiam estis entuziasma amatoro, kiu posedis propran "arenon" en sia posedaĵo en Zumaya.

I. G.



## NOVAJ KURSOJ

VALLADOLID. — Precedido de una adecuada propaganda anunciando el nuevo Curso de Esperanto en Valladolid, por medio de carteles en escaparates de los principales comercios de la ciudad y de la distribución de varios miles de octavillas, el día 21 de octubre, en el domicilio social del Grupo FIDO KAJ ESPERO, tuvo lugar la apertura del Curso Elemental de Esperanto, para no iniciados en el idioma internacional, a él asisten estudiantes y empleados.

El señor Presidente después de dar la bienvenida a los nuevos alumnos, pronunció unas palabras sobre el valor del Esperanto, que fueron muy aplaudidas. Seguidamente el profesor del curso don Luis Martín Herrero leyó una biografía del Dr. Zamenhof y su genial creación, con lo que el curso 1970-1971 quedó inaugurado.

Por otra parte, en el citado Grupo, el día 22 del mismo mes, empezó un curso práctico para los socios ya iniciados. Este lo curso lo dirige don Luis Hernández.

---

MADRID. — Como todos los años en la sede de la Asociación General de Empleados y Obreros de los Ferrocarriles Españoles, C/ Atocha, 83, Madrid, el día 28 de septiembre empezó un curso de Esperanto para agentes ferroviarios y familiares. El curso que lo dirige don Jaime Miró, tiene lugar los lunes, miércoles y viernes (no festivos), de 7 a 9 de la tarde.

Estos cursos organizados para ferroviarios y sus familiares, vienen celebrándose en Madrid ininterrumpidamente desde el año 1964, con gran éxito.

---

VALENCIA. — Organizado por el Grupo Esperantista de Valencia, el día 7 de octubre empezó un Curso Elemental de Esperanto para principiantes, que fue anunciado con anterioridad en la prensa local. El curso del que es profesor don Rafael Herrero Arroyo, es seguido con gran entusiasmo.

---

ZARAGOZA. — El Grupo FRATECO ha reanudado sus habituales actividades después de las vacaciones del verano.

Como en el pasado año, los martes, jueves y sábados, de ocho a nueve de la noche, explica un curso de Esperanto don Fernando de Diego.

## SAMIDEANINO EL JAPANUJO VIZITIS NIAN URBON

Dum tri tagoj, la 4.ª, 5.ª kaj 6.ª de Septembro restis en nia urbo, simpatia kaj afabla samideanino el Japanujo, Fino. Cune Yamamoto. La unuan tagon ŝi vizitis la sidejon de "FIDO KAJ ESPERO" kie ŝi subskribis en la libro de "Honoraj Vizitantoj" kaj rakontis al la geĉeestantoj pri la japanaj kutimoj tute malsimilaj al la niaj. Dum ŝi paroladis, fraŭlinoj de la loka societo servis blankan vinon de la Lando, kiel inviton de la Grupo al nia vizitantino.

La sekvantan tagon ĉiam akompanate de membroj de "FIDO KAJ ESPERO" Fino. Yamamoto vizitis la artmonumentojn (Nacia Skulptarta Muzeo, Universitato, ktp.) kaj la ĝardenojn kiuj multe plaĉis al nia japana samideanino. Kompreneble la lingvo uzata estis Esperanto, kio mirigis aliajn personojn kiuj samtempe vizitis la Muzeon ĉar ili ne povis kompreni kiel facile pere de internacia lingvo personoj kun malsimilaj patrinaj lingvoj tiel bone kaj flue interparolas. Fine, la dimanĉon ŝi forlasis la urbon. Kiel memoro de ŝia vizito restos en nia Grupo bildkartaro pri la Mond-Foiro okazinta en Osaka kaj tipa japana lampo farita de ŝi mem, el papero. Fino. Yamamoto portis kun si flageton el Valladolid, ellaborintan de la Grupo mem kaj la libreton "Hispanio por vi".

Valladolid, Septembro 1970.

*L. Hernández*

La ĉijara Itala Kongreso de Esperanto, kiun partoprenis ankaŭ 50 esperantistoj el 15 landoj, meritas specialan atenton, kvankam plej eble, preskaŭ ĉiuj el vi jam legis raportojn en internaciaj revuoj, pri ĝia disvolviĝo.

Niaj samideanoj de la Barcelona-provinco kaj tiuj de insulo Mallorca, havis okazon akcepti niajn eksterlandajn geamikojn kaj akompani ilin dum ilia restado en nia lando.

En Barcelona, 180 hispanaj esperantistoj akceptis la kongresanaron sur la havena kajo kun aplaŭdoj kaj floroj. S-ro Ramón Molera, Ĉefdelegito de U.E.A. en Hispanujo bonvenigis la esperantistojn per afablaj vortoj, kiujn dankis S-ro Grattapaglia simpatie kaj gaje.

Tuj sekve la eksterlandaj kaj landaj samideanoj kune, vizitis la urbon aŭtobuse, dum la mallonga halto de la ŝipo "Caribia" en Barcelona.

En Palma de Mallorca, ili vizitis la urbon, renkontiĝis kun la tieaj samideanoj, kaj la kongresa delegacio estis oficiale akceptita de la Urbestro.

Kvankam mi nur aludas la viziton al la du hispanaj urboj, mi devas aldoni ke la Kongreso estis vere brila kaj sukcesa.

Koran gratulon al la organizintoj!!!



## GRANDA JAPANA KONGRESO

Okcent dudek kvin personoj partoprenis la 57-an Kongreson de Japanaj Esperantistoj en Takatuki (apud Oosaka) en la fino de julio. Tio estas rekordo, kiu superas eĉ la grandan jubilean kongreson en 1956. La kongreso okazis apud la urbo Oosaka pro la fakto, ke en tiu sama urbo okazis la Mond-Ekspozicio.

Tiel amasa estis la partopreno en la japana kongreso, ke necesis eĉ speciala infan-vartejo por helpi al la patrinoj-kongresanoj...

La raporto pri la XXX.ª Hispana Kongreso de Esperanto okazinta en Mieres, estis vertika de nia kunlaboranto S-ro Salvador Gumá el Reus.

De la 20-a de decembro 1970 ĝis la 10-a de januaro 1971, Libroservo de H.E.F. estos fermita. Dum tiu sama tempo, la korespondadon por BOLETIN kaj Turisma Sekcio bonvolu adresi al: Inés Gastón, str. Ciudad de Lérida 2, MOLLERUSA (Lérida).

La taso de kafo haltis meze de l' vojo inter la manĝotablo kaj la lipoj de sinjoro Kasanovo, kaj liaj okuloj renkontis la edzinajn okulojn, kiuj rigardis lin.

—Kio okazas —demandis s-ro Kasanovo—. Kial vi rigardas min tiel?

S-ino Kasanovo tre atente observis la nazon, la frunton kaj la buŝon de sia edzo. —Eksterordinare! —ŝi mirkriis.

—Eksterordinare, kio?

La edzino penseme gratis sian mentonon. —Ĝis kioma horo vi laboris lastanokte?

—Plimalpli ĝis la tria matene. Mi eliris eloficeje kun terura kapdoloro.

—Certe, certe. Kaj krome, la kravato...

S-ro Kasanovo nervoze sin movetis surseĝe. —Ĉu mi rajtas scii pri kio vi parolas?

—Pri nenio grava. Lastavespere hejmenvenis Ilona. Kaj ĉar vi havis tiom da laboro kaj mi enuis kaj sentis min tre soleca, ŝi invitis min promeni. Ni piediris kelkajn stratojn, laŭlonge de la avenuo Rulfalo.

—Ĉu?

—Kaj ni haltis antaŭ tesalono, ĉar en ĝi, kaj apud alta, blonda kaj ŝminkita virino, sidis ulo simila al vi.

—Ĉu simila al mi? Eksterordinare!

—Jes, kun la sama nazo, la sama hararo, la samaj okuloj. La sama haŭta koloro, la samaj oreloj. Ilona volis ke ni ambaŭ eniru en la tesalonon kaj faru grandan skandalon.

—Kaj tiam?

—Tiam —daŭrigis la edzino—, mi ekvidis ke tiu ulo uzis terure malbelan kravaton salmokoloran kun verdaj rondaĵoj, kaj mi diris al Ilona ke vi neniam uzus tian kravaton.

—Certe, mi neniam uzus tian kravaton!

—Do, imagu al vi, kian rolaĉon ni estus ludintaj se ni estus enirintaj kaj farintaj skandalon al tiu ulo kun tia kravato!

—Ja, mi povas pribildigi la scenon! Feliĉe, vi ekvidis la kravaton de tiu ulo! Nu... Mi devas iri oficejen.

S-ro Kasanovo iris en sian ĉambron, surmetis jakon kaj kombis sin. Sed antaŭ ol eliri, li malfermis tirkeston, elprenis terure malbelan kravaton salmokoloran kun verdaj rondaĵoj, kiun li lastan vesperon aĉetis, pakis ĝin kaj, elirinte, ĵetis ĝin en surstratan rubujon.

ERGOTO DE BONAERO

## Bernardo Coll Barrios

La 7-an de junio mortis en Inca (Baleares), S-ro Bernardo Coll Barrios, malnova esperantisto, kiu multe propagandis la internacian lingvon kaj ties internan ideon.

Ke li pace ripozu!!!

Por lia familio nian sinceran kondolencon ankaŭ en la nomo de la Estraro de H.E.F.

---

## Alberto Cendra Elías

La 14-an de septembro forpasis en Villanueva y Geltrú, nia samideano S-ro Alberto Cendra Elías. Entuziasma kaj aktiva esperantisto, li estis unu el la fondintoj de la nuntempa Esperanto-Grupo "Villanueva y Geltrú", ĉiam preta al kunlaboro por vigligi la Esperanto-movadon en lia urbo.

Por lia familio kaj por la Esperanto-Grupo nian plej sinceran kondolencon.

Pacan ripozon al li!!!

---

## Rev. Atanasio Sinués Ruiz

La 12-an de novembro mortis en Barcelona, malnova esperantisto kaj federaciano Rev. D. Atanasio Sinués Ruiz, sacerdoto kaj emerita Katedra-profesoro de la Liceo, en Barcelona, kie li loĝis kaj kie li aktivis en la Esperanto-movado.

D-ro Sinués apartenis al la Institucio "Fernando El Católico" de la Supera Konsilantaro pri Sciencaj Esploroj, en Zaragoza, kie la 14-an de novembro oni omaĝis lian memoron.

Kun surprizo kaj profunda bedaŭro ni estis informitaj pri tiu morto, kies sciigo tutcerte kortuŝos al ĉiuj esperantistoj, kiuj havis okazon interkonatiĝi kun li.

Ke li pace ripozu!!!

Por lia familio nian sinceran kondolencon.

## DANKRESPRIMO

D-ro Sancho Izquierdo kaj familio dankas el la paĝoj de BOLETIN, ĉiujn samideanojn kaj asociojn, kiuj esprimis al ili sian amikan kondolencon okaze de la pruvo al kiu la Sinjoro submetis ilin.

# KRISTNASKA SALUTO

FELIĈAN KRISTNASKON!

Jen frazo, kiu dum ĉi tiuj tagoj estas mesaĝo unuiganta la sentojn de la homaro, laŭ la plej intima kaj universala maniero. Eldirita en ĉiuj hejmoj de ridetantaj lipoj, en sama momento ĝi flugas tra la tuta mondo, de kontinento al kontinento, ripetante per siaj vortoj la saman saluton por ĉiuj homoj, kvazaŭ ili estus malproksimaj membroj, sed neniam fremdaj, de unu sola familio.

FELIĈAN KRISTNASKON!

La salutfrazo en Esperanto akiras la propran reliefon de la interna ideo, kiun envolvas la internacia lingvo. Dank' al ĝi, la koran interfratecon ni sentas, esprimas kaj akceptas en ĉeno de simpatio kaj amo.

La tuta mondo estas je la atingo de la esperantistoj.

Kaj, tiu ĉi aspekto de internacia komuniko, kiun apogas la kreskanta graveco manifestiĝanta en la lastaj jaroj, kreskas pli kaj pli de kiam UNESCO rekonis ĝin; rekono, per kiu la internacia lingvo atingas altan oficialan konsideron, de alta socia internacia valoro en la kultura aspekto de la popoloj.

Estas certe, ke lingvo estas intimaĵo, kaj antaŭ ĉio estas necese kulturi la propran idiomon por servi la kulturon en la propra lando; sed la interligo de la diversaj kulturoj kiel la interkomuniko de diversaj pensoj, postulas la aleston de Esperanto. Pro tio, en ĉiuj landoj de la mondo, oni aŭdas egale, la konatan frazon: "Ĉiu popolo kun sia lingvo, kaj Esperanto por ĉiuj".

Esperanto estas jam superinta la sociologian lingvan fenomenon por atingi sciencan kaj literaturan rangon. Ĝi havas propran literaturon, organismojn en kiuj disvolviĝas la scienca esplorado laŭ diversaj metodoj, kaj multnombrajn periodajn publikaĵojn kiuj disvastigas tra la tuta mondo la lastajn manifestadojn de la kultura vivo.

Kaj ĉefe, kiam la multoblaj zorgoj de la ĉiutaga moderna vivo, stampas en la tutan mondon dezirojn kaj emojn kiuj tradukiĝas en senĉesaj viglaj turismaj aktivecoj kiel amuzo kaj ripozo de la spirito, estas Esperanto kiu oferas la plej bonan realigilon.

En tiuj ĉi Kristnaskaj tagoj de 1970, la Hispana Turisma Esperanto-Sekcio oferas al ĉiuj la esprimon de sincera amikeco kun siaj plej koraj bondeziroj.

FELIĈAN KRISTNASKON!!!

Por la estraro de **H.T.E.S.**
Prez. *Inés Gastón*

---

## H.T.E.S. DENOVE ORGANIZAS EKSKURSON OKAZE DE UNIVERSALA KONGRESO

La okazigo de la 56-a Universala Kongreso de Esperanto en Londono estos bona okazo por viziti Parizon survoje al la Kongresurbo, kaj revene —plej eble—, Bruselon. Sendube la programo estas alloga.

---

Ankaŭ ni organizas komunan vojaĝon al Portland (Usono) por partopreni en la 57-a Universala Kongreso de Esperanto okazonta en la jaro 1972.

Pri ambaŭ ekskursoj informas: Inés Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA (Hispanujo).



## 12a INTERNACIA INFANA KONGRESETO 1971

Tradicie la Infankongresetoj de UEA okupis sin ĉefe pri la aĝogrupoj 6-13 jaraj, kaj la TEJO-kongresoj pri gejunuloj ek de 16 jaroj. Tial mankis iu ajn regula renkontiĝo por geknaboj ĝuste inter 14 kaj 16 jaroj, kiuj finis Esperanto-kurson en la lernejoj. Sendube tiu ĉi kategorio rajtas kaj devas havi eblecon ĉeesti kaj spertiĝi dum internacia Esperanto-renkontiĝo, se oni volas allogi ĝin al la ĝenerala movado. Ankaŭ se oni atendas kunlaboron de geinstruistoj en lernejoj, kie Esperanto estas instruata, tiuj renkontiĝoj devas havi regulan karakteron. Tiam la geinstruistoj povas komenci la varbadon por la aranĝoj inter la gepatroj kaj gelernantoj frue en la lerneja jaro.

Sekvante tiun ĉi principon, la organizantoj de la 12-a Internacia Infana Kongreseto bonvenigos la aliĝojn de malgrandaj lernejaj grupoj de diversaj landoj. Ili rezervigas 60 lokojn en la ĉemara lerneja feriocentro St. Mary's Bay School Holiday Centre en Romney Marsh, Kent, Britujo, kiu situas je 24 km de Dover. La partoprenontaj infanoj estos dividitaj laŭ aĝo en tri grupojn, infanoj 6-9 jaraj, geknaboj 10-13 jaraj kaj gejunuloj 14-16 jaraj, tamen ĉe diversaj okazoj ili estos intermiksitaj, ĉar en diversaj agadoj pli gravas la persona matureco ol la aĝo.

Alia novaĵo estas aldona libervola restado de unu semajno (6.8.-13.8.) post la tradiciaj datoj de la kongreseto. Per tiu aranĝo la organizantoj celas helpi al la gepatroj, kiuj decidas partopreni ankaŭ la postaranĝojn de la Universala Kongreso kaj al la lernejaj grupoj, por kiuj dusemajna restado estas multflanke pli avantaĝa. La programo de ĉiu el la du semajnoj estos malsama.

Diversnaciaj geinstruistoj de Esperanto estas petataj sin anonci, se ili estas pretaj deĵori dum unu aŭ ambaŭ semajnoj. Deĵorantoj ricevos senpagan loĝadon kaj manĝadon, sed ne la vojaĝelspezojn. Geinstruistoj kun intereso pri la 12-a Internacia Infankongreseto skribu al s-ro Raif Markarian, 87 Sebastian Avenue, Shenfield, Essex, Britujo. Pliaj informiloj kaj aliĝiloj de la Infankongreseto 1971 estas riceveblaj ĉe UEA, Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando.



## JAPANA SKOLT-ASOCIO DUNGAS ESPERANTISTON

Jam pli ol unu jaro, multaj esperantistoj aktivas por enkonduki nian lingvon en la Skolta Movado. Kaj ĝis nun la progreso estas malrapida, sed absolute konstanta.

Speciale en Japanujo, la lando de la venonta Monda Ĵamboreo, oni diligente laboris.

Du aferoj speciale estas menciindaj. Unue la atentigo pri nia lingvo ne plu nur venas de "ekstere", sed parte jam okazas en la Skolta Movado mem. Pluraj skoltaj gazetoj jam enhavis anoncojn pri korespondo en Esperanto, kaj ĉiu tia anonco estas grava kaj senpaga pruvo pri la utilo de nia lingvo, kaj certe havos efikon.

Dua notinda fakto estas, ke la esperantisto s-ro Ken Fukuba ek de la unua de aprilo laboros kiel sekretario ĉe la Japana Skolt-asocio. Ni povas supozi ke la elekto de S-ron Fukuba estas rezulto de la ŝanĝanta sinteno de la Skolta Movado rilate al Esperanto.

Se dum la ĵamboreo en Japanujo sufiĉe da skoltoj parolos nian lingvon, ilia ekzemplo certe atentigos multajn pri la utilo de nia lingvo. Tio helpos al nia afero pli, ol la plej grandskala propaganda laboro.

Se la nombro tamen estus tro malgranda, oni ne rimarkus ilin, kaj tio certe malbone influus nian estontan laboron.

Se ni konsideras ke ekzistas 20 milionoj da geskoltoj, multe da laboro ankoraŭ estas farota.

Tial ni denove invitas al ĉiu esperantisto eklabori, aŭ daŭrigi la laboron.

Al ĉiu klubo ni petas koncentrigi ĉiujn fortojn je la skoltoj, ĉar tia koncentrigo de fortoj kreos la plej bonan eblecon por sukceso. Kaj tiu sukceso certe havos grandan valoron por postaj agadoj en aliaj medioj.

## * Ni legis por vi...

*"Granda Uzbeka Poeto", Aliŝer Novoij. Tradukis Petro Poliŝĉuk. Komisiono pri internaciaj ligoj de esperantistoj de soveta Uzbekistano. Taŝkent* 1968-a.

El malproksima Uzbekistana urbo Taŝkent, venis al ni tiu simpatia broŝuro —konciza biografio— de la granda pensulo kaj poeto Aliŝer Novoij, vivinta antaŭ 500 jaroj, kaj pri kiu mi ne trovis citon en hispana enciklopedio.

La tradukinto Petro Poliŝĉuk aldonis la tradukon de kelkaj specimenoj de Novoij, kiuj pruvas ke jam tiam estis aktuala la sopiro al libereco kaj humaneco.

Plurfoje mi trovis la vorton *progresiva,* kiun mi preferus *progresema.*

Salvador Gumá

LA PRAKTIKO. Monata revuo esperantista. Eldonas U.E.A., Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam, 3002. Nederlando.

Sub la nova redaktoro s-ro Franko Luin, la populara gazeto ricevis novan pres-stilon kaj grafikan aspekton, kiuj inde garnas la bone redaktitajn tekstojn de ĝiaj paĝoj.

Saĝa decido en ĉi tiuj lastaj tagoj de la jaro estus ekaboni aŭ reaboni la revuon, kies varia enhavo ĉiam interesas kaj informas.

PLENA ILUSTRITA VORTARO. Gaston Waringhien. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda. S.A.T. 1970. 148 × 210 mm. 1344 paĝoj. Prezo: 25 + 1,10 $, aŭ egalvaloro.

TRENTO. Plurkolora turisma faldformata informilo pri tiu konata itala urbo. Eldonis Azienda Autonoma Soggiorno e Turismo. Trento, Italujo.

FAKTOJ PRI NEDERLANDO. Informa broŝuro 48-paĝa, pri tiu interesa kaj laborema lando. La teksto estas dividita en 13 ĉapitroj kaj ilustrita per pluraj fotografaĵoj. Eldonis la Ministerio de Eksterlandaj Aferoj.

MAŬ ZEDONG. Deklaro je la 20-a de majo 1970. Broŝuro 12-paĝa el kiuj nur 6 numeritaj. Eldonis Fremdlingva Eldonejo. Pekino 1970. Ĉ.P.R.

OPAVA. Faldformata turisma informilo ilustrita per pluraj fotografaĵoj. Eldonis Komisiono de vojaĝmovado ĉe Distrikta Nacia Komitato kunlabore kun Esp. rondeto de ZK Ostroj. Opava, Ĉeĥoslovakujo.

2.a ESPERANTISTA KULTURA FESTIVALO. Opava-Hradec apud Opava. Programo de la festivalo kaj broŝuro pri Ludwig van Bethoven kaj lia verkaro omaĝe al 200-jara datreveno de la naskiĝo de granda muzikisto. Sub aŭspicio de Ĉeĥa Esperanto Asocio kaj Regiona Beethovena Komisiono. Opava. Ĉeĥoslovakujo.

MALLORCA. Plurkolora turisma informilo pri tiu belega hispana insulo. Eldonis Fomento del Turismo de Mallorca. Palma de Mallorca. Hispanujo.

---

# KONGRESA REZOLUCIO

*Unuanime akceptita de la 55-a Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Vieno de la 1-a ĝia la 8-a de aŭgusto 1970 kun partopreno de 1987 reprezentantoj de la Esperanto-movado el 46 landoj.*

## LA KONGRESO

1. **KONSTATAS** la fakton, ke, unuflanke, pro la enormaj materiaj fortoj, kreitaj ĉefe de la modernaj scienco kaj teknologio, la homaro por la unua fojo en sia historio objektive kaj reale fariĝis unu sola monda komunaĵo de popoloj kaj individuoj, sed ke, aliflanke, ĝi ankoraŭ ne trovis internaciajn sociajn, politikajn kaj kulturajn instituciojn, adekvatajn al atingoj de scienco kaj teknologio; tial el morala-intelekta vidpunkto la homaro certe ne transformiĝis en unusolan komunaĵon de popoloj kaj individuoj.

2. **RIGARDAS** la malharmonion inter la grandiozaj sciencaj atingoj kaj la konsiderinde postrestintaj formoj de socia-politika kunvivado kiel unu el la fundamentaj antagonismoj de la nuntempo en mondaj dimensioj.

3. **ESPRIMAS** la konvinkon, ke necesas urĝe kaj konscie rapidigi la procezon de morala-intelekta integriĝo de la homaro sur pli alta ŝtupo por adapti ĝian subjektivan sintenon al la objektivaj kondiĉoj, nome al la materiaj fortoj, kiujn ĝi kreis sed kiujn ĝi ankoraŭ ne lernis regi.

4. **TIAL DONAS SIAN APOGON** al la Internacia Jaro de Edukado kaj al similaj iniciatoj, sed altiras la atenton de UN, Unesko kaj la Ŝtatoj-Membroj, ke ĉiuj ajn metodoj aplikataj en edukado al internacia kompreniĝo devas aŭ resti senefikaj aŭ doni nur minimumajn rezultojn, se oni ne venkas la lingvan obstaklon kiel fundamentan baron al interhoma komunikado de la popolaj amasoj, por kio la facila, nuancita kaj politike neŭtrala Internacia Lingvo Esperanto prezentiĝas kiel la sola racia solvo.

5. **KOMISIAS** la Estraron de UEA kaj la landajn organizaĵojn komuniki tiun ĉi Rezolucion al UN, Unesko kaj al la Registaroj de ĉiuj ŝtatoj de la mondo.

## LA KONGRESO ANKAŬ

1. **KONSTATAS**, ke la granda progreso sur la kampoj de scienco kaj tekniko kaŭzas rimarkindajn disbranĉiĝon kaj kreskantan specialiĝon laŭ la fakoj kaj subfakoj, kaj ke la procezo de specialiĝo reflektiĝas en konsiderinda kresko de fakaj terminoj, komplete aŭ preskaŭ tute nekonataj ekster la koncernaj fakaj medioj; ke, aliflanke, la lingvodiverseco obstaklas internaciajn interŝanĝojn de scioj, novaj malkovroj kaj spertoj, kaj malebligas aŭ malfaciligas personan komunikadon. Rezulte, la lingva problemo sentiĝas ĉiam pli forte en ĉiuj branĉoj de la scienco kaj en ĉiuj fakoj.

2. **REKOMENDAS** al la sciencaj kaj fakaj Esperanto-organizaĵoj intensigi sian agadon en siaj respektivaj medioj aplikante al sia laboro la koncernajn punktojn de la Dua Baza Laborplano de UEA kaj la decidojn de la kunveno de la reprezentantoj de fakaj organizaĵoj, fakdelegitoj kaj delegitoj okazinta dum la Kongreso.

3. **ALVOKAS** ĉiujn Esperanto-organizaĵojn apliki kiel eble plej multe modernajn, sciencajn metodojn en la laboro por plua disvastigo de la Internacia Lingvo kaj utiligi tiucele unuavice la publikaĵojn kaj dokumentojn de la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo, kaj la materialojn publikigitajn en ĝia periodaĵo "La Monda Lingvo-Problemo".

## SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO (S. I. A.)

Venontjare, Semajno de Internacia Amikeco okazos de la 21-a ĝis la 27-a de februaro. Do, estas jam tempo por komenci la preparojn. La celo estas ke la aranĝoj pri kaj por S.I.A. en 1971 estu pli grandaj kaj tiru al si pli grandan publikan atenton ol ĉijare.

Kiel kutime, en Hispanujo prizorgos la ĝeneralan organizadon de la Semajno, la estraro de H.E.F., kvankam ĉiu en sia urbo, organizu la aranĝojn laŭ siaj eblecoj.

Por informoj: Sekretariejo de H.E.F., str. Víctor de la Serna, 19, 7.º MADRID-16.

## 56ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Londono de la 31.ª, 7 ĝis la 7.ª, 8, 1971

Sub la Alta Protektado de

Lordurbestro de Londono Sir Peter Studd

Konstanta adreso: *Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam - 3002. Nederlando.*

*Unua Bulteno kaj Aliĝilo*

Kvarpaĝa, grandformata, ilustrita Unua Bulteno kaj samtempe la aliĝilo por Londono estas senpage riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe la kongresa peranto, S-ro Ramón Molera, Ĉefdelegito de U.E.A. en Hispanujo, str. Santa Joaquina, 13, MOYA (Barcelona) kaj ĉe la Hispana Esperanto Federacio.

*Statistiko* (26.10.70).

Entute 235 personoj el 28 landoj.

## INTERNACIA RENKONTIĜO EN LEIPZIG

Dum la printempa foiro 1971, okazos en Leipzig Internacia Renkontiĝo por Esperantistoj, la 20-an de marto 1971, je la 19-a horo en Klub der Intelligenz "Gottfried Wilhelm Leibnitz", Elsterstr. 35.

Kulturprogramo, parolas eksterlandaj gastoj, Esperanto-filmoj, ktp. Informu vin ĉe Germana Kulturligo-Esperanto. GDR. 701 Leipzig, Käthe-Kollwitz-Str. 115.

Invitas Distrikta Estraro Leipzig.

TIP. C. BOLOIX. - REINA FABIOLA, 7. - ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63